4me Année, No 3 | 4a Jaro, 3a Numero. Novembro 1905 (No 39) | 4e Jaar, Nr 3.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista »**
**kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**
**Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge »**
**et des Groupes Belges Affiliés.**
**Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**
**Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

### Prix des Abonnements :

| | | |
|---|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) | | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue | au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) | au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro | | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années | chacune | 5,00 fr. |
| | pour l'étranger | 6,00 fr. |

### Inschrijvingsprijs :

| | | |
|---|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) | | 4,00 fr. |
| Met inschrijving in den Bond | ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) | ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer | | 0,40 fr. |
| De drie vorige jaren | ieder | 5,00 fr. |
| | Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ : 4 fr. ĉiujare. — Unu no : 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1r Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

*Adresser les abonnements, manuscrits, annonces, etc., à :* | *Sendu abonojn, manuskriptojn, anoncojn, k. t. p. al :* | *Inschrijvingen, handschriften, annoncen, enz., te zenden aan :*

Sro J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

## ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.
IMPRIMEUR-ÉDITEUR | DRUKKER-UITGEVER
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4. | BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

# Belga Ligo Esperantista

## Ligue Espérantiste Belge.

### COMITÉ D'HONNEUR

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.

## Belgische Esperantische Bond.

### EEREKOMITEIT

MM. le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. | UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. le Dr M. SEYNAEVE, Heule-Courtrai.
*Secrétaire Administratif* (Bestuurlijke Schrijver) : M. J. COOX, Duffel.
*Membres* (Leden) Mlle E. LECOINTE, MM. L. BLANJEAN, Jos. JAMIN, L. JAMIN, VAN DER BIEST-ANDELHOF, Dr R. VAN MELCKEBEKE.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Administratif :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Bestuurlijken Schrijver :

Mr J. COOX, DUFFEL.

## EXTRAIT DES STATUTS :

ART. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

ART. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Espéranto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

ART. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

ART. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

ART. 13. — La Ligue choisit comme organe officiel la revue *La Belga Sonorilo*. Cette revue est complètement indépendante de la Ligue. Elle imprime les rapports, avis, communications et autres documents que lui envoie le Comité de la Ligue. Elle publie une fois les noms de tous les membres de la Ligue et dans chaque numéro les noms des membres du Comité d'Honneur.

## Uittreksel der Standregelen.

ART. 1. — Onder den titel « **Belgische Esperantische Bond** » (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

ART. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

ART. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

ART. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

ART. 13. — De Bond neemt als officieel orgaan het blad « *La Belga Sonorilo*. »

Dit blad is gansch onafhankelijk van den Bond. Het neemt alle verslagen, berichten, mededeelingen en andere stukken op welke het van het Bestuur van den Bond ontvangt. Het kondigt eenmaal de namen aller leden af en vermeldt in ieder nummer de namen der leden van het Eerekomiteit.

4me Année, N° 3. | 4a Jaro, 3a Numero. Novembro 1905 (N° 39) | 4e Jaar, Nr 3.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**
**Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés. Affilié à l'Union de la Presse Periodique Belge.**

**Officieel orgaan van den «Belgischen Esperantischen Bond» en der Belgische aangesloten Groepen. — Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

# GRATULOJN!

Ni sciiĝis ke nia amiko Komto Lemaire ricevis, de la Antverpena Societo Geografia, la grandan oran medalon, kiun tiu societo donacas ĉiujare al la plej inda esploristo. Ni sincere kaj kore gratulas nian eminentan kunbatalanton, Komton Lemaire, kies longaj afrikaj esploroj nepre pravigas tiun grandan honoron..

Jam antaŭ kelkaj jaroj, li ricevis, inter multaj aliaj honoroj, oran medalon de la Pariza Societo Geografia, pro sia esplorado en Ka-Tanga.

LA REDAKCIO.

## FÉLICITATIONS !

Nous avons appris que notre ami le Commandant Lemaire a reçu de la Société de Géographie d'Anvers la grande médaille d'or, qu'elle décerne chaque année à l'explorateur qu'elle en juge le plus digne.

Nous félicitons sincèrement et de tout cœur notre éminent collaborateur, le Commandant Lemaire, dont les vastes travaux d'exploration en Afrique justifient pleinement cette flatteuse distinction.

Il y a quelques années déjà, il a reçu entr'autres une médaille d'or de la Société de Géographie de Paris, à la suite de son exploration au Ka-Tanga.

LA RÉDACTION.

## GELUKWENSCHEN !

*Wij hebben vernomen, dat onze vriend, Kommandant Lemaire, vanwege het Aardrijkskundig Genootschap van Antwerpen de groote gouden medalie heeft ontvangen, die het jaarlijks toekent aan den landvorscher,dien zij daarvoor als den waardigste erkent.*

*Wij wenschen den Kommandant Lemaire welgemeend en hartelijk geluk; zijne uitgebreide verkenningswerken verrechtvaardigen ten volle deze vleiende onderscheiding.*

*Reeds vóór eenige jaren verwierf hij een gouden medalie bij de Parijzer aardrijkskundige maatschappij na zijne opsporingstochten in Ka-Tanga.*

DE REDACTIE.

# DEKLARACIO.

## Pri la Esenco de la Esperantismo.

**De longe la Aŭtoro de Esperanto, Dro L. Zamenhof, deziris ke la Esperantistaro akceptu kaj publikigu ian oficialan deklaracion por tre klare difini kaj starigi ĉion kion ĝi celas, ankaŭ por klare montri kion ĝi ne celas esence kaj kio estas nur la persona privata deziro de unu aŭ kelkaj privataj Esperantistoj. Tia dokumento estas tre necesa por trankviligi multajn personojn ĝis nun nefavorajn al Esperanto ; ankaŭ por sukcese rebati la atakojn de la malamikoj kiam ĉi tiuj argumentas nevere.**

**Jam antaŭ la Bulonja Kongreso, Dro Zamenhof sciigis ke li prezentos tian projekton de Deklaracio al la tuta Kongreso kaj ke ĝia akcepto estos la plej grava okazintaĵo de tiuj gloraj tagoj. Tio okazis ; meze de impresiga silento, la Aŭtoro de Esperanto legis sian projekton de Deklaracio, kiun per senfina aplaudado principe akceptis la kongreso. Nur kelkajn sengravajn ŝanĝojn oni poste enmetis en ĝin.**

**Tial ni hodiaŭ publikigas tiun dokumenton kaj tre petas niajn amikojn ĝin tre atente tralegi kaj ĝin ofte uzi por la propagando kaj la diskonigo de nia lingvo. Ĝi estos por ĉiam la neŝanĝebla fundamento de nia Esperanta kredo.**

Ĉar pri la esenco de la Esperantismo multaj havas tre malveran ideon, tial ni subskribintoj, reprezentantoj de la Esperantismo en diversaj landoj de la mondo, kunvenintaj al la internacia Kongreso Esperantista en Boulogne-sur-Mer, trovis necesa laŭ la propono de la aŭtoro de la lingvo Esperanto doni la sekvantan klarigon.

1. La Esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu « ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn », donus al la homoj de malsamaj nacioj, la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj. Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiun tiu aŭ alia Esperantisto ligas kun la Esperantismo, estos lia afero pure *privata* por kiu la Esperantismo ne respondas.

2. Ĉar en la nuna tempo neniu esploranto en la tuta mondo jam dubas pri tio, ke lingvo internacia povas esti nur lingvo *arta*, kaj ĉar el ĉiuj multegaj provoj, faritaj en la daŭro de la lastaj du centjaroj, ĉiuj prezentas nur teoriajn projektojn, kaj lingvo efektive finita, ĉiuflanke elprovita, perfekte vivipova kaj en ĉiuj rilatoj pleje taŭga montriĝis nur unu sola lingvo Esperanto, tial la amikoj de la ideo de lingvo internacia, konsciante ke teoria disputado kondukos al nenio kaj ke la celo povas esti atingita nur per laborado praktika, jam de longe ĉiuj grupiĝis ĉirkaŭ la sola lingvo *Esperanto* kaj laboras por ĝia disvastigado kaj riĉigado de ĝia literaturo.

3. Ĉar la aŭtoro de la lingvo Esperanto tuj en la komenco rifuzis unu fojon por ĉiam ĉiujn personajn rajtojn kaj privilegiojn rilate tiun lingvon, tial Esperanto estas « nenies propraĵo », nek en rilato materiala, nek en rilato morala.

Materiala mastro de tiu ĉi lingvo estas la tuta mondo kaj ĉiu deziranto povas eldonadi en aŭ pri tiu ĉi lingvo ĉiajn verkojn, kiajn li deziras, kaj uzadi la lingvon por ĉiaj eblaj celoj ; kiel spiritaj mastroj de tiu ĉi lingvo estos ĉiam rigardataj tiuj personoj, kiuj de la mondo esperantista estos konfesataj kiel la plej bonaj kaj plej talentaj verkistoj de tiu ĉi lingvo.

4. Esperanto havas neniun personan leĝdonanton kaj dependas de neniu aparta homo. Ĉiuj opinioj kaj verkoj de la kreinto de Esperanto havas, simile al la opinioj kaj verkoj de ĉiu alia esperantisto, karakteron absolute *privatan* kaj por neniu devigan. La sola unu fojon por ĉiam deviga por ĉiuj esperantistoj fundamento de la lingvo Esperanto estas la verketo « *Fundamento de Esperanto* », en kiu neniu havas la rajton fari ŝanĝon. Se iu dekliniĝas de la reguloj kaj modeloj donitaj en la dirita verko, li neniam povas pravigi sin per la vortoj « tiel deziras aŭ konsilas la aŭtoro de Esperanto ». Ĉiun ideon, kiu ne povas esti oportune esprimata per tiu materialo, kiu troviĝas en la « *Fundamento de Esperanto* », ĉiu esperantisto havas la rajton esprimi en tia maniero, kiun li trovas la plej ĝusta, tiel same, kiel estas farata en ĉiu alia lingvo. Sed pro plena unueco de la lingvo, al ĉiuj esperantistoj estas rekomendate imitadi kiel eble plej multe tiun stilon, kiu troviĝas en la verkoj de la kreinto de Esperanto, kiu la plej multe laboris por kaj en Esperanto kaj la plej bone konas ĝian spiriton.

5. Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al ia aktiva societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga.



# NIA REVUETO! (*)

De l' bonegaj tagoj kiam, ĉe la I^a^ kongreso de Bulonjo, la ĉiunaciaj kongresanoj aplaŭdegis la Deklaracion de D^ro^ Zamenhof kaj starigis firman fundamenton por nia afero, jam forpasis unu triono da jaro. Kaj ŝajnas ke jam nun oni povas demandi kiajn faktajn rezultatojn alportis tiu kongreso por la ĝenerala kondukado de nia entrepreno.

Sendube oni ne ankoraŭ forgesis la nevenkeblajn malfacilaĵojn kiuj montriĝis dum la lastaj 4 monatoj antaŭ la kongreso : pri organizado aŭ ne-organizado de nia movado, pri lingva komitato, pri la rajtaj povoj de la kongreso, pri la rajto de voĉdono ĉe la kongreso, k. c., k. c.. Ĉiuj ĉefaj batalantoj brue kaj senorde, pro manko da sufiĉa tempo, interdisputis ; D^ro^ Zamenhof mem pli ol unu fojon, esperante lumigi al tiu malluma ĥaoso, eldiris siajn personajn projektojn kaj opiniojn, sed vane. Pro tro malfrua preparado de la diskutotaj demandoj, la kongreso, ekster la Deklaracio, povis preskaŭ nenion decidi kaj, kion ĝi decidis, tion ĝi faris en nebona, nematura maniero. — « Monto gravediĝis, muso naskiĝis » — Nu, post ok monatoj okazos nova kongreso : ĉu oni ree atendos ĝis la lastaj monatoj por fakte prepari la kongresajn demandojn; denove la monto gravediĝas (kaj en Svisujo staras grandegaj montoj) : ĉu oni deziras ke naskiĝu ridinda muso aŭ fiera leono ?

***

Eble oni respondos : « Sed nun ni posedas komitaton de organizado kiu prizorgos ĉion » — Jes, efektive, karaj legantoj, nun ni posedas komitaton de organizado kaj per kelkaj vortoj mi klarigos al vi ĝian devenon kaj celon.

Antaŭ la kongreso oni tre diskutis pri la demando ĉu estas bone altrudi al la Esperantista armeo centran, direktantan organizacion, kun centra komitato, federo de ĉiuj grupoj, unuigo de ĉiuj klopodoj laŭ sama plano, k. c., aŭ ĉu por la bono de nia afero sufiĉus nur lingva komitato, kiu, sin okupante nur pri ĉiuj lingvaj demandoj, *neniel* enigus en la vivon de l' naciaj grupoj. Ĉe la malfermo de l' kongreso, ŝajnis kredeble ke la plimulto de la Esperantistoj en la mondo tute ne deziris organizacion, almenaŭ severan, mallarĝan organizacion ; plie, la farota diskutado, pro multaj ĵus alportitaj novaj projektoj, montriĝis nesolvebla kaj multaj kongresanoj opiniis ke la kongreso posedis nenian rajton fari ian oficialan, devigan decidon : tial, en la privata kunveno de l' aŭtoroj de projektoj (Lundon, 7^an^ de Aŭgusto, je l' oka matene), oni unuanime konsentis ke nur la II^a^ kongreso pri tio decidos ; ke, por plifaciligi tiun decidon, oni komisios kelkajn kongresanojn por ekzameni, dum la venonta jaro, ĉiujn prezentitajn projektojn kaj raporti pri ili ĉe la II^a^ kongreso ; fine, ke dum la I^a^ kongreso, oni diskutos nur pri la principa demando : ĉu organizacio estas dezirinda aŭ ne ?

Tiujn proponojn akceptis la Ĝenerala Kunveno kaj, por forigi malfacilan elekton, oni komisiis, por ekzameni la projektojn, la estraron mem de l' Ĝeneralaj Kunvenoj. La diskutado pri la principa demando mem estis evidente tre konfuza ; el ĝi mi eltiru nur du faktojn : unue, dum la diskutado, oni respondis per brua protestado je propono de iu kongresano (se mi ne eraras, ĝi estis S^ro^ Christen aŭ S^ro^ Cl. Bicknell) komisii kelkajn Parizajn Esperantistojn kiel provizoran organizan komitaton ; due, oni akceptis unuvoĉe la proponon de S^ro^ Cart ke « estas dezirinde ke la naciaj Esperantistaj societoj plimulte interrilatu inter si » : tiu unua protesto kaj ĉi tiu lasta deziro montras ke la kongreso, kvankam nepre malakceptante ian difinitan Direktantan Komitaton, tamen deziris ke ekmontriĝu iaj (ne ankoraŭ difinitaj) rilatoj inter la diversaj grupoj.

Poste, kiam oni diskutis pri la loko de la II^a^ kongreso, ĉar tuja decido montriĝis neebla, oni konsentis ke ankaŭ la komitato por ekzamenado de la projektoj decidos pri tiu demando.

Nu, kio fariĝis de tiam ? Tiu komitato, kiu do estis esence komisiata nur por ekzameni la projektojn de Centra Komitato kaj por decidi pri la II^a^ kongreso, alprenis la nomon « *Provizora Organiza Komitato* » kaj starigis en Parizo « *Esperantistan Centran Oficejon* » (**)

Eble mi eraras sed ŝajnas al mi ke tiu komitato, kiu vere havos nur tre malmulte por fari, iom trograndigas sian «*provizoran*» kaj esence nedaŭran rolon. Ĉu, alprenante tian titolon, ĝi ne ŝajnis konsideri, kiel definitive starigitan, organizan komitaton kies nur ĝiaj nunaj membroj kaj ne ĝia ekzisto mem estus provizoraj, dum kontraŭe la II^a^ kongreso sola devos decidi pri ĝi ? Ĉu la fondo de «*Internacia Oficejo*» ankoraŭ ne plifortigos tiun ŝajnon, ĉar evidente oni ne kreas tian oficejon por kelkmonata ekzisto ? Ĉu la kontraŭuloj je centra organizacio ne riproĉos ke oni altrudis al ili kontraŭvole kaj senrajte tiun oficejon ? Tiom pli libere mi faras tiujn demandojn, ke mi mem opinias favore je starigo de ia tre larĝa, ne tro alcentriganta organizacio (laŭ la projekto kiun mi prezentis), kaj ke mi firme esperas ke la bonaĵoj, fakte pruvotaj per ĉi tiu unua komitato, konvinkos multajn Esperantistojn pri la utilo de *ia* malgranda organizacio de nia anaro. Efektive, ne antaŭjuĝante pri la teoriaj eblaj bonaĵoj sed ankaŭ malbonaĵoj de tiu duobla fondo, oni jam povas esti certa ke la praktikaj rezultatoj de tiu komitato, kiun konsentis direkti tre eminenta Esperantisto S^ro^ Generalo Sebert, estos tre ŝatindaj. Sed por forigi malkontentiĝon kaj malunuiĝon, oni ne konsideru, kiel definitivan realaĵon, kio estas nur provizora provo kaj oni pripensu la proverbon : « Urson al mielo oni ne tiras per orelo. »

Tiu komitato, konsistanta krom D^ro^ Zamenhof el 5 membroj, posedas 4 (!) sekretariojn, kiuj sendube ŝajnis nesufiĉe multaj por tiel grandaj laboroj, ĉar la komitato, fondante la oficejon, aldonis al si 5^an^ sekretarion. Ĉiu membro havos do sian sekretarion ! Kiom da kapoj, tiom da ĉapoj !

(*Kun daŭrigo*). D^ro^ M. SEYNAEYE

(*) Sub ĉi tiu titolo, de tempo al tempo mi priparolos la gravajn principajn demandojn de nia afero, por ke la legantaro de B. S., pli facile kaj pli agrable ol per kelkaj oficialaj komunikaĵoj, konatiĝu kun la ĝenerala Esperanta Movado. Mi petas ke neniu ofendiĝu pro la maniero, ofte iom ŝerca kaj ĉiam nepre libera sed pli vere gazeta kaj pli instrua, en kiu mi verkos tiun kritikan, kvazaŭe politikan, revueton.

(**) En la lasta momento, pro tro multaj presotaj artikoloj, ni devis prokrasti ĝis la venonta numero la enpreson de komunikaĵo pri la fondo de tiu *Esperantista Centra Oficejo*.

# INTERNACIAJ "DON KIĤOTOJ."

**Responde je artikolo presita en nia lasta numero : « *Internaciaj Distrancistoj* », tre sprita kunlaboranto sendis al ni la jenan tre amuzan artikolon :**

La « internacia saĝo » diras ke : « oni estas perfidata nur de siaj amikoj. » — Mi diras ke la artikolo pri la « internaciaj distranĉistoj » estas tre kuraĝega. Paroli pri Iliaj Ĥirurgiistaj Moŝtoj, la nunaj ĉiopovaj tranĉistoj, kies beleta bisturio, pli ol la ponardo de la noktvagistoj, estas danĝera por nia haŭto kaj por nia monujo !

Sed tio ŝajnas al mi iom funebra, kaj mi pliŝatas ridi. Tial pli plezure mi pensas pri kelkaj el iliaj fratoj, ne ! el iliaj kuzoj : pri la higienistoj. Tiuj ĉi ne laboras per bisturio, sed « ili povas de la mikroboj haltigi la konspirojn. »

***

Ha ! la bonaj, la bonegaj higienistoj ! Ili ne intencas detranĉi ion de nia korpo ; kontraŭe ! Ili deziras ĝin konservadi netuŝita. Sed ne en alkoholo, kvazaŭ anatomiaj pecoj. Ho ne ! La alkoholo estas unu el la plej grandaj malamikoj de la higienistoj.

La alkoholo malsanigas la stomakon, la hepaton, la renojn, la cerbon kaj la tutan organismon.

Eĉ je malgranda dozo ĝi estas timeginda veneno, kontraŭ kiu ĉiu bona higienisto ekrajdas « *Rossinante.* »

Do, malbenata estu ne nur la brando de niaj manlaboristoj, sed ankaŭ la ŝaŭmanta biero, la antikva trinkaĵo de niaj prapatroj, kiu nun ankoraŭ dikigas la ventrojn kaj ruĝigas la vizaĝojn de niaj bonegaj burĝoj !

Malbenata estu la patro de la podagro,tiu maljuna vino de « *Bourgogne* », kiu dormadas post la branĉfaskoj, en malnovaj boteloj, kiujn oni tuŝas nur respekte !

Malbenata estu la aminda ĉampano, kiu ĝojigas la koron kaj spritigas la cerbon !

Malbenataj estu ĉiuj trinkaĵoj venenigataj de l' alkoholo ! Ilin oni forĵetu el la domoj, ilin oni forĵetu el la vendejoj, ilin oni forĵetu el la apotekoj ! Ĉar la higienistoj permesas ke la kuracistoj ordonu al siaj gemalsanuloj arsenikon, atropinon, k. t. p., sed malgrandan dozon da alkoholo, neniam !

Jes ! Malbenataj estu la alkoholaj trinkaĵoj ! Sed oni malfidu la lakton kiu eble enhavas la tuberklozan mikrobon ; oni malfidu la akvon, eĉ la plej klaran, kiu eble enhavas la tifan mikrobon.

***

Granda danĝero kuŝas ankaŭ en la nutraĵoj. La tifa bacilo plezure vivas en la butero, kaj, kune kun ĝi, eniras nian korpon.

Sed kion diri pri la legomoj, surverŝitaj en la ĝardenoj per tio... kion oni konas. Sur tiuj ĉi legomoj la mikroskopo vidigis ĉiujn imageblajn mikrobojn, kaj la ovojn de ĉiuj niaj internaĵaj parazitoj. Cetere, la legomoj konservataj en skatoloj ne estas malpli danĝeraj. En kelkaj okazoj oni vidis, ke simpla subhaŭta enŝprucigo da dek centigramoj el la akvo enhavata en tiuj ĉi skatoloj, mortigas musojn post kvin aŭ ses tagoj. Tio tremigas !

Tamen, ĉu oni povas manĝi viandon ? Ĉu ĝi ne enhavas tenion, aŭ tuberklozan mikrobon ?

Oni do devas sin nutri per fiŝoj ? Sed ĉu oni scias kian akvon ili englutis ?

Kaj la ostroj ? Ha ! se iafoje ili enhavas perlojn, pli ofte ili estas infektitaj de la tifa bacilo !

Ĉion tion la higienistoj al ni konigis. Ĉiutage ili vidigas novan « *Damokles*»'an glavon pendantan super nia farto. Kiom bedaŭrinde estas ke la homaro devas manĝi kaj trinki ! Kiom pli longdaŭra kaj pli agrabla fariĝos nia vivado, kiam la ĥemiistoj kundensigos ĉiujn necesajn nutraĵojn en senĝermigitajn pastelojn !

***

Sed, ho ve ! la nevidebla malamiko, kiun batalas la higienistoj, estas ĉie.

Malfidu precipe viajn birdojn, vian hundon, vian katon, « la kutimaj gastoj de niaj ĉambraroj » !

La birdoj ? Sed ĉu ilia difterio ne estas transdonebla al la homo ? Tion timas higienistoj.

La hundoj ? Nu, la rabio ! Ĉu ĝi ne estas timeginda ? Kaj ĉu oni ne diris ke « havi hundon estas havi bileton por la loterio de la rabio » ?

Kaj la katoj ? La katoj, inter aliaj malbonaĵoj, donacas al ni la tineon, la favon, la skabion kaj multajn aliajn haŭtajn florojn...

Liberigu do viajn birdojn, kiuj gajigas vian hejmon. Mortigu vian bonan hundon, kiu timigas la rabistojn. Pereigu vian katon, sed ankaŭ eltrovu, kiel eble plej baldaŭ, rimedon por forigi la musojn kaj la ratojn, kiuj dissemas la pestan mikrobon !

***

La higienistoj volas, ke ni malfidu ĉiam, ĉie, ĉiel, ĉion kaj ĉiun !

Malfidu viajn samulojn, viajn parencojn kaj amikojn, kiujn vi kutimas manpremi ! Ĉar ia scienculo, esplorinte la manojn de 40 personoj, trovis 24,000 bakteriojn sur ĉiu kvadrata centimetro. Kalkulu do kiom da ili havas la tuta supraĵo de nia korpo ! Kaj se iam vi vojaĝos kun dikpostaĵa vilaĝanino, kalkulu spirite kiom da ĉiuspecaj mikroboj ŝi premegis nur sidiĝante sur la benketon.

Do neniam manpremu viajn amikojn, kaj precipe neniam kisu iun. Ho ! la venenoj de la kiso ! La plej malpurega marĉo havas malpli da insektoj, da bufoj, da rampaĵoj ol nia buŝo da mikroboj.

Forkuru de ĉiuj, ĉar ĉiu estas venena ! Restu sola hejme sen birdo, sen hundo, sen kato, sen parenco, sen amiko ! Neniam eniru teatron, neniam ĉeestu kunvenon, ĉar tie la aero estas malsaniga !

Neniam ridu ! Ĉar la ridon sekvas profunda enspiro, kiu enirigas en la pulmajn veziketojn, aeron putrigitan kaj plenan je mikroboj . . . . . . .

***

Oni diras : « Kie estas higieno, tie ne estas plezuro. » Eble ! Sed ĉu estas iu pli ĝojiga ol higienisto?

MELINO.



# DIVERSAĴOJ.

**Ledeganck-festoj.** — Flandra Belgujo nune festas la centan datrevenon de l' naskiĝo de unu el siaj plej gloraj poetoj: Karel-Lodewijk Ledeganck (1805-1905). Eekloo kaj Alosto organizis modestajn kunvenojn. Oni anoncas ankaŭ festojn en Gento kaj Bruĝo dum decembro kaj januaro.

Antverpeno, kiun la kantinto de l' « *Tri fratinaj urboj* » tiel fierige laŭdis en la tria odo de tiu ĉi ĉefverko, rememorigis la aŭtoron, dimanĉon 12an de novembro. La solenaĵo, organizita de la urbestraro mem, okazis en la Antverpena teatro flandra, ĉeestis je l' 11a matene. Ĉeestis la provincestro, la urbestraro, delegitoj de l' Reĝa akademio de Bruselo, de l' Flandra akademio de Gento, kc. kc. En la multenombra kaj eminenta publiko: aro da literaturistoj, muzikverkistoj, kelkaj membroj de la familio de l' poeto, k. ç.

La festo komencis per ĥoro, verkita de l' muzikverkisto Wambach, sur parto el la « *Odo al Antverpeno* », kantita de l' lernantinoj de l' Reĝa Konservatorio Flandra de Antverpeno, sub direkto de Majstro Jan Blockx. Poste, So Cornette elparolis festparoladon montrantan la grandan signifon de Ledeganck en la Flandra literaturo; sekvis deklamado kaj kantado de kelkaj poezioj de Ledeganck. Ne forgesinda estas la ludo de l' naiva « *ario por du flutoj* » ankaŭ verkita de l' poeto-flutisto. Citinda estas ankaŭ la poezio de So Niko Gunsburg, bonege deklamita de li mem, glore al Ledeganck: oni diras ke So Gunsburg havas rusan devenon.

La festo komencis iom trankvile: sed la entuziasmo grandiĝis laŭgrade ĝis la fino, dank' al la lerta kunmeto de l' programo. Kaj post la belega kantado de l' fina ĥoro kun solkantoj « *Pacokanto* », ankaŭ ĉerpita el « *La Paco* » de Ledeganck, kaj muzikverkita de Majstro Jan Blockx, senfina aplaŭdado salutis kaj dankis la organizintojn kaj ĉiujn gekunlaborintojn de tiu ĉi belega rememorigo al la genia Flandra poeto.

Tre laŭdinda estis la ideo de l' Antverpena Urbestraro, kiu la 9an de novembro, ĝustan tagon de l' datreveno de l' naskiĝo de Ledeganck, ordonis ke la instruistoj de l' urbaj lernejoj priparolu la poeton al siaj lernantoj, al kiuj estas donacitaj portreto de l' poeto, la Odo al Antverpeno kaj..... libertempo dum la cetero de l' tago: tiel, la memoro al Ledeganck restos danke en ilia koro.

**La legendoj pri la kukolo.** — Pri nenia birdo ekzistas legendoj pli multaj kaj pli diversaj ol pri la kukolo. Oni scias ke la kukolino demetas sian ovon en la neston de alispeca birdo, inter la ovojn jam demetitajn, kaj ke, fine kaj preskaŭ ĉiam, nur la kukolido estas nutrata de tiuj birdoj al kiuj la nesto apartenas. Tiun solecon de la kukolido en la nesto oni klarigis en diversaj manieroj, sed la opinio de Jenner ke la kukolido jetas el la nesto la aliajn birdetojn estis akceptata de la plimulto. Antaŭ nelonge Sro Raspail konigis al la Franca Zoologia Societo aron da eksperimentoj,laŭ kiuj ŝajnas ke oni devos akcepti alian opinion. Laŭ tiuj eksperimentoj, la kukolino, zorgante sian ovon, mem pereigas la aliajn birdetojn tuj kiam ili naskiĝis; kontraŭe, se malaperas la kukolino, ĉiuj birdetoj kune vivados ĝis kiam la kukolido mortigos la aliajn birdidojn, ne memvole sed ĉar, pro pli rapida kresko, ĝi bezonas la tutan neston.

**Du interesaj entreprenoj.** — En la nuna tempo, la popolo ne kantas plu, aŭ almenaŭ nur senmorajn naŭzigaĵojn. La belajn, naivajn kantojn de l' prapatroj aŭ de l'estintaj verkistoj popolaj, ĝi tute forgesis. Eĉ la aŭtoroj nunaj de kantoj verkas senvalorajn senmoraĵojn de « *Café-Concert* ». Por kontraŭbatali tiun staton, la granda flandra societo *Willemsfonds* organizis en Gento antaŭ du aŭ tri jaroj ĉiusemajnajn vesperkunvenojn por la popolamaso. Ili okazas ĉiuvintre de oktobro ĝis marto: ĉiam unu por viroj, alia por virinoj. En tiuj kunvenoj, nomitaj « *Liederavonden* » (kantovesperoj), sindonemaj gemuzikistoj instruas al la kunvenintaro la perlojn el niaj belaj kantoj prapatraj. Kantisto antaŭe kantas la tutan arion unu aŭ dufoje; poste li rekantas ĝin frazo post frazo, instruante ĝin al la aŭdantaro kiu ĝin rekantas sammaniere. Ĉiu alestanto ricevis tekston de l' lernotaj kantoj. En ĉiu kunveno oni ripetas la verketojn antaŭe lernitajn. Post unu horo oni prosperas konigi du melodiojn al tiuj personoj el la laboranta klaso, kiuj ĉiam grandamase venas al la kunvenoj: eĉ gemaljunuloj alestas por lerni la belaĵojn pratempajn! — Tiuj « vesperoj » tiel bone prosperis en Gento ke aliurbaj sekcioj de l' *Willemsfonds* organizis similajn kunvenojn.

La alia, samcela entrepreno estas farita en la lingvo franca, de du junaj gentanoj, Soj Camille Verhé, ĵurnalisto, kaj Joseph Van der Meulen, muzikverkisto, aŭtoro de l'opero flandra, *De Vlasgaard*, priparolita en nia antaŭa numero. Dezirante, laŭ sia povo, ankaŭ relevi la kanton el ĝia senspriteco kaj malbonmoreco, ili skribis kune aron da melodioj (dudekkvar) kies temo estas la amo, kunigitaj en beleta libreto titolita: *Melodioj de l' koro* (Mélodies du cœur). La 13an de majo pasinta ili ludigis tiujn verketojn en la genta Klubo arta kaj literatura, antaŭ homoplena ĉambrego, kaj varbis plenan sukceson. Dimanĉon 1an de novembro, dekduo el tiuj poeziaĵoj formis la programon de koncerto en la Genta Societo « *Les Mélomanes* ». La sukceso ne estis pli malgranda; kaj vere preskaŭ ĉiuj el tiuj versaĵetoj estas perloj pro delikateco kaj poezio. Unu el ili varbis ĉiufoje specialan sukceson: *Da Capo*. Ĝi estas dialogo inter junulo kaj junulino kiuj eliris la dancsalonon: la junulino timas surprizon de ŝia gasto, sed la junulo ŝin kisante diras: « *Ne! ni rekomencu!* Ĉiu verketo estas kantata de virina voĉo, kvazaŭ « *recitativforme* », dum la akompanaĵo fortepiana konsistas el valso dolĉe ludita, kvazaŭ el la malproksimo. Je l' fino de la unua koncerto, tiu verketo estis reludata,sed tiufoje la akompanaĵo valsa estis ludata, en apuda ĉambro, de simfonia kvarteto, kaj la impreso estis rave surpriza.

Ĉu tiuj ambaŭ entreprenoj ne estas interesaj, amiko leganto, kaj ĉu niaj « Walonaj » fratoj ne ankaŭ devus organizi « *popolkantajn vesperojn* », kie oni konservigus en la memoro popola, la belajn naivajn popolkantojn de la franca parto de Belgujo?

**Malbonaĵoj de tro granda Libereco.** — La kolosan statuon de la Libereco, starantan ĉe la enirejo de la Rodo de New-York, oni kulpigis je krimego.

Oni konstatis tre grandan malfacilecon por la intersendado de senfadenaj telegramoj kun la Amerika urbego; oni do komisiis kelkajn scienculojn por serĉi la kaŭzojn de tiu fakto kaj, el siaj eksperimentoj, la komisiitoj konkludis ke la bronza statuego ensorbas ĉiujn elektrajn ondojn. Ankaŭ la turon Eiffel oni iam kulpigis je tia krimo.

Kia ironio! La Libereco, lumiganta la mondon, deziras la bonvenon al ĉiuj alvenantoj sed rabas iliajn korespondaĵojn? La Libereco malhelpanta la Progreson!!

**Ekspozicio Universala en Gento.** — En la jaro 1899 okazis en Gento ekspozicio provinca plej sukcesinta, kaj de tiam la Genta urbestraro pensis pri renovigo de tiu ĉi provo. Bruselo jam havis tri ekspoziciojn internaciajn (1880, 1888, 1897) kaj Antverpeno, du (1885, 1894); ĉiuj estis plej profitoplenaj por la disvastiĝo komerca, industria, eĉ teritoria kaj konstruaĵa de ambaŭ urboj: tutaj novaj kvartaloj kaj palacoj postvivis la Ekspoziciojn. Lieĝo en nuna jaro ankaŭ ĝuis la samajn bonaĵojn de tia entrepreno.

En la monato julia, dum la grandega sukceso de l' Lieĝa Ekspozicio, la urbestro de Gento, So Braun, opiniis ke venis la tempo por organizi en Gento tian aferon en 1909; sed li deziris koni la rezultaton finan de Lieĝo, antaŭ ol priparoli tian intencon. Sed jen, en la komenco de Oktobro, ekestis la bruo ke Bruselo deziras siaflanke Ekspozicion en 1910; du ekspozicioj kun nur unujara intertempo estas evidente neorganizeblaj: la regno ne helpus mone la duan. La demando estis do konservigi al Gento ĝian antaŭecon kompare kun Bruselo. Tial granda agado komenciĝis en Gento: la ĵurnaloj, la komercistoj, la gravaj societoj senripoze diskonigis la ideon, kiun cetere akceptis entuziasme ĉiuj Gentanoj. Dume, sama movado montriĝis en Bruselo. Fine, post oftaj interkunvenoj de la delegitoj de ambaŭ urboj kun la regnestroj, kiuj plimulte favoris Bruselon, oni interkonsentis ke Universala Ekspozicio okazos en Bruselo dum 1909 kaj en Gento dum 1912.

Gento estas nun multe plibeligita; grandaj laboroj estas en farado: la kvartalo St. Pierre Alost (proksime de kiu estas elstarigota la Ekspozicio) kun ĝia nova stacidomo, bulvardo kaj fervoja plialtiĝo; la laboroj de l' pligrandigo de l' kanalo al Terneuzen kaj la aliformigo de l' centra urbo. Gento povus akcepti milojn da fremduloj nur post la finiĝo de tiuj laboroj, kiuj devas fari el ĝi plej belan kaj modernan urbon, kies mirindaj antikvaĵaj trezoroj tiam vidiĝos kaj estimiĝos en sia plena belegeco. La urbestro mem opinias ke nia urba devus sin festvesti antaŭ ol akcepti siajn gastojn. Nun, tio estos farebla bone, sen troapido, kaj estas espereble ke en 1912 Gento, kiu en la lastaj centjaroj iom dormis, vivis iom kaŝe, povos ĝoji pro la progresado venonta de sia Ekspozicio kaj refariĝos la granda, vivoplena, energia kaj admirata urbo de l' pratempo!

# FRANCA-FLANDRA FAKO.

## L'Espérantophobie.

*Words, words, words.*
HAMLET.

J'eus l'incomparable avantage de recevoir l'autre soir de mon très célèbre ami, le docteur américain Mac Kintosh, un billet conçu à peu près en ces termes :

*Cher,*

*Passe donc par chez moi un de ces matins. J'ai une communication à te faire qui, je crois, intéressera vivement les cinq cent mille lecteurs de ta Revue. Je te broie bien cordialement les métacarpiens.*

MAC KINTOSH.

Comme on pense, je n'eus garde de rater ce rendez-vous. J'avoue que, dans les circonstances ordinaires de la vie, cela m'arrive assez fréquemment : certaines personnes ont même l'outrecuidance de s'en plaindre. Dans ce cas-ci, cependant, je surmontai ma proverbiale inexactitude. J'avais d'ailleurs pour cela diverses raisons. D'une part, les fabuleux appointements que me vaut ma spirituelle collaboration à la « Belga » me commandait ce dévoûment extraordinaire ; d'autre part le manque effrayant de « copie » et certaine carte postale aigre-douce, que m'avait envoyée mon directeur m'incitaient au travail (?)

Après avoir, donc, dûment réfléchi, je m'habillai avec un soin tout scientifique et je me dirigeai allègrement vers le coquet pavillon, sis dans le prochain faubourg, et où mon savant ami se plonge chaque matin (de 7 à 10) dans les arcanes profonds de la médecine.

Le très célèbre docteur était déjà à la besogne. Dans un laboratoire lumineux, et qui n'avait, je l'avoue, que de très vagues rapports avec celui de Faust (à part peut-être les cornues), il examinait avec toute l'attention désirable, à l'aide d'un superbe microscope, un nouvel exemplaire de *Genothyrea* que, daigna-t-il m'expliquer, il venait de recevoir le matin même de Watson (Etablished 1837, 310 High Holborn, London, W. C). Là dessus, il s'embarqua dans une dithyrambique et interminable description de cet objet curieux, si bien que je dus finir par le rappeler énergiquement, à la fois, à l'objet de ma visite et au respect des convenances.....

Ah ! c'est vrai, j'oubliais, s'écria-t-il avec un gros rire (les célèbres docteurs ont toujours un gros rire). Eh bien, mon cher ami, je viens de faire une découverte, une découverte moderne, extraordinaire : je viens d'identifier l'*espérantophobie*...

— ? ? ?

— C'est juste, tu ne connais pas le grec....

— Par exemple : *Kaj*, et ; *télé*, loin ; *graphéo*, j'écris.....

— Tout de même, tu ignores ce que c'est qu'une *phobie*. La *phobie*, c'est la peur, le dégoût, la répugnance, l'horreur instinctive, maladive, nerveuse, qu'éprouvent certains individus de et pour certaines choses. De là l'*hydrophobie*, la *japonophobie*, l'*automobilophobie*, la *téléphonophobie*, la *Hiawataphobie*, toutes affections communes dans notre société moderne, surtout dans les villes et en Amérique. Eh bien, moi, je viens d'ajouter une perle du plus bel orient à ce collier médical. J'ai découvert l'*espérantophobie*, la répugnance pour l'espéranto...

— C'est très intéressant. Et tu as défini le mal ?

— Parbleu ! voici ma première note : « Le mot *espérantophobie* signifie simplement horreur de l'espéranto et des langues universelles en général. C'est une maladie nerveuse qui peut devenir virulente, épidémique, et atteint surtout l'homme. Jusqu'ici on ne connaît aucun exemple authentique d'*espérantophobie* se développant spontanément chez cet animal supérieur. Elle lui est toujours communiquée par des lectures, des raisonnements, etc. Son principe paraît donc résister principalement dans le cerveau et le cervelet. L'individu auquel est communiquée ainsi l'*espérantophobie* n'en manifeste pas immédiatement les phénomènes. Il s'écoule généralement quelques jours avant l'apparition des premiers symptômes : le malade devient triste, inquiet, quelquefois vif et verbeux ; il a l'appétit diminué et le pouls accéléré. C'est la période prodromique. Enfin la crise se déclare. Le malade ne peut souffrir aucune chose qui lui rappelle l'espéranto. La vue de *l'Espéranto en dix leçons* l'indispose ; il paraît rageur en voyant un *Dictionnaire*, il écume en apercevant une *Belga*. . Le vert lui devient essentiellement odieux. Il étudie le novilatin, le dilpok. Il insupporte le russe, les lunettes, la modestie et la calvitie, toutes caractéristiques du génial inventeur de la langue. Dans certaines crises il prononce convulsivement ce mot : volapük, volapük !

*L'espérantophobie* n'est jamais mortelle ; on la guérit quelquefois par la persuation et un traitement édulcorant, la diète, la camomille, le repos. Le plus souvent elle passe à l'état chronique. Enfin elle attaque le plus souvent les professeurs, les journalistes, certains députés. Au surplus, elle tend à devenir rare. Il y a des cas de guérison, M. Albin Rozet par exemple...

VIEILHOMME.



## L'Espéranto à l'Etranger.

**ANGLETERRE.**— Le mouvement continue, intense. A Aberdeen, le School Board (Conseil des Ecoles) permet et encourage l'enseignement de l'Espéranto. A Leeds, un cours a été organisé à la suite d'une conférence de notre ami John Ellis. A Warrington, Herne-Bay, Taunton, Hither-Green, Plymouth, fondation de groupes, organisation de conférences et de cours.

Le groupe espérantiste de Londres organise une section chorale espérantiste sous la conduite du maître-de-chapelle M. Arthur Trickett. C'est là une nouvelle application à laquelle on n'avait pas

